APETo

revuo

# Babilanto

INFORMILO DE AGADO POR LA PROGRESIGO DE ESPERANTO EN TOGOLANDO

n-ro 11 aprilo – junio 2015



Karaj legantoj,

La monato de la 100-a Universala Kongreso en Lillo ĵus komenciĝis. Espereble, multaj samkontinentanoj sukcesos venki la vizajn malfacilaĵojn por tiel atingi tiun historie signifoplenan kongreson.

Ni konstante aktivemas. Ne eblis raporti pri ĉiuj agadoj faritaj kaj planataj en la kontinento en tiu ĉi-numero. Tamen tio signifas, ke bone fartas la movado. Tiuj, pri kies aktivaĵoj mi ne povis aperigi informojn, bonvolu senkulpigi min. Inter la novaĵoj, kiujn vi legos, multaj rilatas al tradiciaj aktivaĵoj kaj kelkaj novaj iniciatoj.

La preparlaboroj de la sesa Afrika Kongreso de Esperanto (AKE 6) en Rumonge disvolviĝas sufiĉe bone, flanke de Afrika Komisiono de UEA kaj la burunda asocio. Estas tre bonvenaj viaj reklamoj pri tiu ĉi tutkontinenta renkontiĝo. Ankaŭ via ĉeesto kaj kontribuo certigos ĝian sukceson.

[Aĝevi Aĝe]

*Chers lecteurs,*

*Le mois du 100ème Congrès Mondial d'Espéranto à Lille vient de commencer. Espérons que les participants africains parviendront à surmonter les difficultés liées à l'obtention de visa européen pour ainsi prendre part à cette rencontre historique.*

*On est toujours débordant d'ardeur et d'activité. Impossible de rapporter toutes les activités menées et prévues sur le continent dans ce numéro-ci. C'est plutôt le signe que le mouvement va bien. Toutes mes excuses aux personnes dont je n'ai pas pu citer les activités. La plupart des articles que vous lirez se rapportent à des activités traditionnelles et aux quelques nouvelles initiatives.*

*Les préparatifs du sixième Congrès Panafricain d'Espéranto (AKE6) à Rumonge vont bon train, côté de la Commission Africaine de l'UEA et de l'association burundaise. Et si vous faisiez connaitre autour de vous cette rencontre continentale ? Votre présence et votre contribution vont aussi assurer son succès.*

***Adjévi Adjé***

## Rumonge invitas

## la 6-an Afrikan Kongreson de Esperanto en 2016

La ĉe-Tanganjika laga urbo Rumonge gastigos la sesan Afrikan Kongreson de Esperanto (AKE6) en Burundo 2016. Afrika Komisiono de UEA en firmaj laborrilatoj kun 18 landaj asocioj kaj kluboj en la kontinento decidis, pere de publike anoncita konkurso, pri la loko de la tutkontinenta kongreso du jarojn pli frue. La inviton pri la okazigo de la 6-a AKE en Rumonge prezentis ANEB, la landa socio de UEA en Burundo.

Rumonge estas la urbo en kiu konstruiĝis Esperanto-biblioteko. Temas pri konstruaĵo entenanta plurajn ĉambrojn i.a kunvenejon, gastĉambrojn, klasojn... Ĝi konstruiĝis dum kvar jaroj danke al la fondaĵo "Esperanto en Evoluo" kaj solene malfermiĝis al la publiko okaze de porinstruista seminario de la landa asocio ANEB, la 7-an de septembro 2013. La urbo havas la necesan infrastrukturon por gastigi la prestiĝan kontinentan renkontiĝon.

Afrika Kongreso de Esperanto estas tutkontinenta manifestacio de la parolantoj de Esperanto kun ampleksa programo. Ĝi celas fortigi la solidarecon inter afrikanoj, progresigi la movadon kaj studi ĝiajn problemojn.

Kvankam tiu tradicio komenciĝis en 1990 kaj do estos jam 26-jara en 2016, la AKE en Rumonge portos la numeron 6, ĉar dum la periodo 1997-2012 ĝi ne povis okazi pro financaj malfacilaĵoj.





Kelkaj membroj de ANEB dum vizito de la prezidanto de TEJO surloke

## E-kursoj en Rumonge

Sabaton, la 7-an de Februaro, komenciĝis kursoj de Esperanto en la Esperanto - centro en Rumonge. Ĝin partoprenis 11 gejunuloj el kiuj estis 10 virinoj. Dank'al klopodoj de la Prezidanto de TEJO, nun virinoj ekinteresiĝas pri Esperanto.

Regule okazas kursoj sabate, dimanĉe kaj lunde, ekde la 16-a horo. Ni planas instrui ĉiujn tagojn, sed tio dependos de instruistoj, kiuj disponeblos.

Al la grupo de sabato, instruas S-ro Jérémie SABIYUMVA, MUGABARANOGA Pamphile al tiu de dimanĉo kaj NTAHONSIGAYE Hasano al la grupo de lundo. Nun, ni serĉas instruistojn por mardo, merkredo, ĵaŭdo kaj vendredo. Ni alvokas esperantistojn de Rumonge sin anonci por tiuj tagoj.

**Jérémie SABIYUMVA**

# Esperanto en Maroko

Gesinjoroj Evelyne kaj Jean-Pierre, invititaj de la NRO "Blua Oranĝo Maroko", unuafoje instruproponis Esperanton al deko da homoj en Casablanca, Maroko, de la 1a ĝis la 10a de aprilo 2015.

La kursoj disvolviĝis en vasta loko, nome “Complexe El Ghali en Sidi Moumen“, en fora ĉirkaŭaĵo de Casablanca. En malriĉa kvartalo, tia nova, moderna kulturdomo prezentas ideon de disvolviĝo por marokanoj, tra muziko, danco, sporto, festo... kaj nun Esperanto!

En vigla etoso, ni disdonis la bazojn de la universala lingvo. 10 homoj averaĝe sekvis la kursojn, sed ne regule. Tamen, bunta estis la grupo, vidu: kamerunanino, brazilano, francoj, marokanoj el diversaj regionoj. Ni elektis brazilan metodon *Esperanto por lernantaj klasoj* sufiĉe moderna, interesa ĉefe por gejunuloj. Kaj ni trafe elektis ĝin, ĉar en la grupo, junuloj serĉis apartamenton same kiel en la dua leciono de la libro!

Ni ankaŭ proponis ludojn, kantojn, rolludojn, korpajn ekzercojn.... Ni ankaŭ bonŝancis renkonti Anass kaj Amal. Ili ĵus revenis piedirinte 5000 km ĉirkaŭ Maroko, kaj la paro intencas plilarĝigi sian piedmigradon tra Afriko post unu aŭ du jaroj. Esperanto tuj prezentiĝis kiel la mirakla ilo por komuniki kun tiom da diversaj etnaj grupanoj. Danilo, el Brazilo, konklude kaj dankeme, donacis al ni gajajn T-ĉemizojn, sur unu, li skribis *instruisto* por Jopo, *instruistino* por Evelyne, zorgeme skribis *La Espero* esperantista himno sur la sia, kaj *amiko* sur la aliaj! Ĉiuj aprezis la malkovron de la simpla lingvo, kvankam ili konsciis pri la klopodoj por antaŭeniri! Ili nun lernas per si mem dank' al la Metodo *Assimil*.

Baldaŭ ni povos spekti filmeton pri la disvolviĝo de la staĝo. La grupo intencas starigi Esperanto-klubon kaj nepre invitos la nuran esperantistinon de Casablanca, Lakbira, kiu komencis studi Esperanton en Ĉinio, sed ne havis, ĝis nun, ŝancon praktiki ĝin!

La Blua Oranĝo celas Esperanton kiel sian ĉefan laborlingvon, eĥon de siaj ideoj pri universaleco en ĉiuj kampoj de sia aktiveco. Tiel, ni jam ĵetis la unuajn semojn en Burkino en 2013, kaj revenis kun la grupo de Nomad'kursanoj en 2014. Kompreneble, ni kuraĝigas ilin, kaj onidire, povus okazi ke ni revenos al Maroko, en aliajn urbojn por denove semi la verdajn semojn....

**Evelyne Rotellini**

Antaŭ du-tri monatoj s-ro Adjé Adjévi komencis helpi perrete Mildred Dindze de Maroko en la lingva ellernado. Tiu ĉi fakte estas unu el la semoj de gefrancoj Evelyne kaj Jean-Pierre, kiuj antaŭ iom da tempo vojaĝis en Maroko por tie i.a instrui la lingvon en ĉeesta kurso.

Nun pefektigante sian lingvo-scion, s-ino Venban Mildred Dindze siavice komencis instrui la lingvon ĉiun semajnon al aliuloj. Ŝi havis lerno-materialon i.a Metodo 11 sed mankis al ŝi la KD por pli-bonigi sian prononcadon.

Esperanto-France kaj Sat-amikaro sendis al ŝi Metodojn 11 kaj 12 en formo de kompatdiskoj kaj poŝvortaron. Certe la ricevitaj lerniloj estas grandaj helpoj en ŝia lingva lernado. Elkorajn dankojn al la donacintoj!

## SUBTENU BABILANTON!

La revuo *Babilanto* estas trimonata periodaĵo redaktada en Togolando, eldonata de Agado por la Progresigo de Esperanto en Togolando (APETO). Ĉu vi volas subteni ĝin? Ĉiuj povas elŝulti kaj legi ĝin senpage! Bonvolu rigardi ĉe: www.esperanto-en-togolando.jimdo.com

# Lingva kurso en Instituto Zamenhof

La 27-an de marto 2015 finiĝis la dua tri-mestro en togolandaj lernejoj. La komenco de la tria trimestro devus okazi la 7-an de aprilo 2015. La registaro plilongigis la feriojn ĝis la 3-a de majo. Tial la tria tri-mestro lerneja komenciĝos la 4-an de majo 2015. Kial tio kaj kion faras la gelernantoj dum tiu ĉi tempo?

Kiam aperis la anonco pri la plilongigo de la ferioj, la registaro menciis, ke pro la prezidanta elekto okazonta en Togolando la 25-an de aprilo 2015 necesas garantii sekurecon al la gelernantoj. Tial ili restu hejme dum la policistoj zorgu pri la sekureco de la elektoj. Tiel longajn paskajn feriojn neniam havis lernejoj en Togolando. Tial gepatroj estas zorgemaj pri siaj gelern-antoj. Instituto Zamenhof (IZo) trankviligis ilin. Kiel ?

Kursoj dunivelaj estas organizataj en IZo, kie la gelernantoj studas kvazaŭ ne estus ferioj. Kio pli okulfrapas, tio estas la aparta kurso Esperanta, kiun la lernejo disponigas al gelernantoj de la mezgrada lernejo. De la unua ĝis la tria klasoj kolegiaj, IZo-anoj sekvas intensan E-kurson. Tio daŭros ĝis la fino de la ferioj la 1-an de majo 2015. Ge-lernantoj tiel pretigas sin por la E-ekzamenoj de junio. Sukceson al ili.

**gk**

## Bonvolu aliĝi!

Por legi la plej freŝajn artikolojn pri Esperanto en Togolando, necesas skribi mesaĝon al: togolandaj-esperantistoj@yahoogroupes.fr

**Bonvolu aliĝi - UTE bezonas vin!**

# Verde en la togolanda universitato

Esperanto, la lingvo justa. Jen ŝildo sub kiu, same kiel en la jaroj 2012 kaj 2013, kelkaj lokaj fortoj kaj mi kun subteno el UEA sfero tenis informbudon kaj ekspozicion pri Esperanto en la universitato de Lomeo (UL), la plej granda ŝtata altlernejo en Togolando, enkadre de la kultura foiro, kiu okazis de la 29-a de majo ĝis la 07-a de junio 2015.

Malgraŭ la pluvoj, kiuj de tempo al tempo kaŭzis malhelpetojn en la serena disvolviĝo de la foiro, mia partopreno en tiu kultura evento ĉi-jare ne estis nur ceremonia. Ĝia sukceso estis en decida grado frukto de mia energia, kaj sindonema laboro des pli, ke mi mem dum la tuta foira periodo ne ripozis hejme. En la Esperanta budo, mi deĵoris kaj buŝe prezentis informojn pri la lingvo, respondis al demandoj de vizitantoj, disdonis al multegaj aliaj reklamilojn pri la lingvo. Mi krome registris kontaktadresojn de ĉiuj, kiuj montris interesiĝon pri la lingva lernado, kaj entute estas enlistigitaj nomoj de ĉirkaŭ 50 personoj, el kiuj kvin jam eĉ dum mia deĵorado komencis lerni la lingvon de mi per la metodo Ferez.

Certe la ekspoziciitaj verkaĵoj apude montris, ke Esperanto ne estas mortinta lingvo, kiel asertis antaŭe kelkaj enuniversitataj lingvistoj, kaj konfirmis la daŭre grandiĝantan riĉan kaj buntan kulturon de nia tutmonda komunumo, ĉar libroj kaj Esperantaĵoj montritaj devenis el ĉiuj anguloj de la mondo. Plie, la ekzistado de kelkaj referencoj pri Esperanto-parolantoj en UL ankoraŭ pli firmigis min en tiu mia publika elpaŝo pri la lingvo.

Mi plenplene kontentiĝis pri mia ĉeesto en tiu kultura aranĝo de la komenco ĝis la fino, eĉ se iuj ankoraŭ ŝajnas montri ian rezervon pri la internacia lingvo. Mi ja povis konsciigi pli ol unu pri la diskriminacio en la nuntempa internacia komunikado kaj pri propono de Esperanto kiel alternativo pro ĝia lingva aspekto kaj ideologia aspekto. Tiom mi povis semi en kapoj pri Esperanto, kiom ebligis la rimedoj.

**Adjévi Adjé**



De maldestre: Justin (novulo) kaj Adjevi

# Notse naskis E-klubon

En kelkaj urboj tra Togolando disiĝas esperantistoj, sed izolite tiuj ĉi apenaŭ aŭdigas pri si kaj pri la lingvo en siaj loĝsferoj. Ili do bezonas stimuladon, translokan kunlaboron, akiron de lernomaterialoj por informi, instrui kaj organiziĝi en lokaj grupoj.

Jen do kial s-ro Adjévi Adjé decidis agi. Li vojaĝis al la urbo Notse, 100 km norde de Lomeo, por helpi al starigo de E-klubo ĉirkaŭ e-isto Amevor Koadjo, la 22-an de aprilo 2015. Lia vizito al 5 kunvenantoj disvolviĝis en gaja etoso kaj spronis ĉiujn prove voĉuzi la lingvon kun li. Tio ankaŭ ebligis al li multe kaj trafe klarigi pri la fenomeno Esperanto, kuraĝigi la ĉeestantojn pri la neceso ekhavi kluban vivon kaj nutri rilatojn kun enlandaj kaj eksterlandaj agantoj sen forgesi la landan asocion UTE. Notindas, ke ĉiuj kunvenantoj ankaŭ lernas la lingvon per la metodo de H. Ferez

Monaton antaŭe, s-ro Amevor Koadjo ne ŝparis rimedojn por ke la lingvo havu firman piedon en lia hejmurbo. Li reklamis pri ĝi tra afiŝoj, disdono de flugfolioj kaj foje tra radiaj programoj. Tiel la 16-an de marto 2015 li donis intervjuon kaj kantis en la radio-elsenda programo “Salut l’artiste“ (Saluton artisto) de la ĵurnalisto N’sougan Hippolyte ĉe la urba radio *Fraternité*. La 23-an de marto li denove intervjuiĝis kaj Esperantlingve kantis, ĉi-foje akompanate de s-ro Attiso K. Modeste al kiu li instruis la lingvon antaŭ deko da jaroj.

Koadjo mem lernis perkoresponde la lingvon en Ganao, de Hans Bakker. Li vojaĝis i.a al Gabono, kie li provis intrui en televida programo. Li estis vicprezidanto de la landa asocio Unuiĝo Togolanda por Esperanto (UTE) 2005 - 2006, aŭtoro de deko da kantoj orginale verkitaj en Esperanto.


S-ro Amevor Koadjo

# Lomeo fidelas al la tradicio de Babilmanĝo

En la urbo Lomeo, Togolando, jam de pluraj jaroj okazas renkontiĝo de Esperanto-parolantoj kun la nomo Babilmanĝo. La ĵus pasinta kunveno disvolviĝis sukcese en la loko de la restoracio Ezewen sabate, la 16-an de majo 2015.

Dum la aranĝo, kiel kutime, ĉiuj ĉeestantoj (ĉi-foje entute ok personoj) sin prezentis Esperante, oni lernis novajn vortojn, dividis frandaĵojn kaj vigle diskutis pri multaj temoj i.a la nuna stato de la enlanda movado, projektoj por la disvastigo de Esperanto, kursoj kaj organizo de Esperanto budo enkadre de la universitata foiro, kiu oficiale ekos komence de la tuj posta monato.

Oni pripensis pri kreo de teatra grupo, invito de fakulo por lertigi la interesiĝantojn pri komunikado. Estis ankaŭ propono kune refoje spekti la filmon “Infanaj rajtoj“ de kongolandano Jeremiah. Sinjoro Agbassou Kouessanvi prezentis novan lernanton, kiu unuafoje ĉeestis la kunvenon. Tiu ĉi mem ankaŭ esprimis sin, jen en Esperanto, jen en la franca. Li virtuale lernas la lingvon ĉe lernu.net.

Alia diskutita temo estis la renovigo de la gvidteamo de APETo, kies propraĵo estas Babilmanĝo. Tri horoj pasis, la renkontiĝo finiĝis, sed daŭre diskutiĝis inter kelkaj esperantistoj aliaj privataj aferoj, kiuj estis ekskluzivaj por la ĝenerala publiko.

Oni rememorigis pri la baza koncepto de Babilmanĝo kaj ja ni povas esperi, ke la renkontiĝo okazos nun pli regule kaj laŭronde en la domo de ĉiu!

**La organiza teamo de AKE 6 havas retadreson:**
**ake-2016@yahoogroupes.fr**
**Se vi havas demandojn, bonvolu uzi ĝin!**

# Ne nur kunvene...

Eksterordinara komitatkunsido de Unuiĝo Togolanda por Esperanto (UTE) okazis la 27-an de junio 2015 en IZo. La 14 komitatanoj ne nur kunvenis, ili ankaŭ kunlernis kaj enprofundiĝis en la statuton kaj regularon de la landa asocio UTE.

S-ro Agbolo A. Didier prezentis pri aranĝo de informagado por disvastigo de esperanto. La estraranoj de UTE kaj tiuj de la Junulara Organizo de Togolandaj Esperantistoj - JOTE tuj ricevis taskon daŭrigi la laboron en grupoj pri


Komitatanoj de UTE

la temo. Ĉiu grupo poste prezentis la rezulton de sia laboraĵo. La sekretario de JOTE, nome Koffitche KOUFIONOU, montris pri kiel organizi prelegon pri esperanto en lernejo, dum la kasisto de UTE s-ro AGBOSSOU Kossi liveris pri kiel ligi esperanton al io por altiri homojn al ĝi.

Oni kune ankaŭ kunkantis la himnon ESPERO. Ĉi tiu ero estis prezentita de s-ro Doumegnon Koffi, kiu pli poste laŭtvoĉe legis kaj legigis la regularojn de UTE. La materialo mem kuŝas en la retejo de UTE, sed oni antaŭe


Estraranoj de JOTE dum laborsesio

havigis ĝin en formo de libro al ĉiuj. Multaj aliaj ankaŭ idee kontribuis al la riĉiĝo de la lertigado. Revizio de la statuto de UTE montriĝis necesa, jen la estraro de UTE taskiĝis fari proponojn tiucelajn dum la venonta kunsido. Dume, oni petis s-ron GBEGLO Koffi serĉi la regularon kongresan de UTE kaj ankaŭ la dokumenton pri la taskoj de la respondeculo pri UTE-domo.

S-ro Gbeglo Koffi povis ankaŭ prezenti pri la eks-ilei-sekciiĝo de TIETo kaj fondo de TIS - Togolanda ILEI-Sekcio kiel ILEI-sekcio nun en Togolando. Li tiel klarigis, ke s-ro ATTAGLO Kokou Evienyeame tuj enskribiĝis en TIS, kiu nun havas ses membrojn. Koffi plie provis kiom eble konigi pri la projektoj de ACE/UETA por altiri la favoron de la kunvenantoj.

Oni rememorigis la laborojn de la estraro de UTE, kies prezidanto ATTAGLO Kokou prezentis pri la stato de la laboroj por la 23-a Togolanda Esperanto Kongreso, kiu okazos decembre 2015.



## Pri la lingva situacio en Togolando

Mi skribas por informi vin ke ni enmetis vian programeron, "Mirejo parolas kun Adjé Adjévi pri la lingva situacio en Togolando" en la programon por ĵaŭdo, la 11-a de junio. Ĝi unue aŭdiĝos inter la 4-a horo kaj 4:30 laŭ UTC, kaj poste ripetiĝos ĉiun 3-an horon dum la tago kiel kutime.

Plue, oni povas rekte aŭskulti la programeron kiam ajn per la jena ligilo:
http://muzaiko.info/programdetaloj?id=735

**Jessica**

## Kiel subteni la revuon BABILANTO?

**Disponigante monon al la revuo, ekz. 10 Eŭrojn aŭ pli. La monon oni bonvolu ĝiri al la konto "apto-c" ĉe UEA.**

**Posta informo al la redaktoro pri la pago rajtigas ricevi ĉiujn numerojn de la jaro.**

Antaŭajn numerojn oni povas elŝuti per la ligilo: www.esperanto-en-togolando.jimdo.com/babilanto

**Memvolan mondonacon oni sendu al la uea-konto "apto_c" de APETo**

////////////////

**Redaktoro: Adjévi Adjé**
**Poŝta adreso: 06 BP 61807, 06 Lomé-TG Togolando**
**Tel: (+228 ) 90 25 75 49, 22 57 22 80**
adjevia@gmail.com adjevia@yahoo.fr

# Movade en Burundo

Mia nomo estas SABIYUMVA Jérémie, mi eklernis Esperanton en 1999 kaj post tri monatoj mi ekinstruis ĝin. Mi tiam ne ankoraŭ estis matura lingve, sed tio ege helpis al mi rapide plibonigi mian lingvo-scion. En 2005 mi membriĝis en la Afrika Komisiono de UEA, kie mi plulaboras ĝis nun. Mi estas la nuna prezidanto de nia landa asocio (ANEB) kaj komisiito de TEJO pri agado en Afriko. Mi lernis Esperanton danke al mia angla instruisto s-ro Japhet BAYORI, kiu mem ĝin lernis en rifuĝejo en Tanzanio. Profesie, mi estas kontrolisto pri malsanulejoj. Mia laboro konsistas el helpo al flegistoj por pli bone organizi siajn laborojn, ankaŭ plibonigi sanservojn.

ANEB kreiĝis en 2005 kaj estis laŭleĝe agnoskita en septembro 2006. Ĝia celo estas kunigi ĉiujn esperantistojn kaj helpi por la disvastiĝo de Esperanto en Burundo. Ĝi aliĝis al UEA en 2008, kaj nun havas junularan sekcion kaj porinstruistan sekcion.

Niaj nuntempaj projektoj estas revigligi ĉiujn klubojn, ĉar dum la pasinta jaro, pro la konstruo de la centro, kluba agado ne ricevis grandan atenton. Do, la ĉefa projekto estas reaktivigo de kluboj kaj disponigo de lernomaterialoj al ĉiuj kluboj. Estas ankaŭ la projekto pri organizo de la 6a Afrika Kongreso de Esperanto. Ni jam organizis du landajn kongresojn, kaj multajn seminariojn en kiuj ankaŭ eksterlandanoj partoprenis. Tiuj spertoj trankviligas al ni, kaj ni esperas ke ni sukcesos organizi ĝin kaj ke niaj samregionaj samideanoj havos okazon multnombre ĝin partopreni.

Esperanto-movado en Burundo plifortiĝas de tago al tago, dank'al helpo de multaj esperantistoj el diversaj mondpartoj. Nun, jam estas multaj esperantistoj, preskaŭ en ĉiuj provincoj. Certe burundanoj ankoraŭ ne plene hejmigis Esperanton, bezonatas eduko pri memstariĝo, ĉar multaj ĉiam pensas pri eksterlando, ne sentas sin kapablaj memzorgi pri la movado. Ni bezonas enspezigan projekton, por ke kluboj ne atendu la etan subvencion de UEA por funkcii.

La plej granda problemo estas manko de rimedoj por kovri ĉiujn petojn de kluboj. En Burundo, multaj esperantistoj estas junuloj, kiuj estas en mezgradaj lernejoj, kaj aliaj estas en universitatoj. Tiuj du kategorioj ne havas monon por kotizi, kio estas la ĉefa problemo de ANEB. Necesas komenci varbi ankaŭ ŝtatfunkciulojn, kiuj idee kaj finance povas helpi al la asocio.

*TEJO pli kaj pli emas organizi IJK en Afriko. Burundo prezentiĝas kiel potenciala gastiglando de tiu internacia junulara renkontiĝo en la kontinento. La sesa Afrika Kongreso de Esperanto, kiun ANEB okazigos en aŭgusto 2016, kunlabore kun la Afrika Komisiono de UEA, povos roli kiel testo. Nun ĉiuj esperantistoj havas fokuson pri tiu lando kaj ni ja esperas la baldaŭan normaliĝon de la politika situacio por garantii sekurecan kaj sukcesan AKE.*



**SABIYUMVA Jérémie, prezidanto de ANEB, membro de Afrika Komisiono de UEA**

# Ĝemeliĝo Afriko-Azia



UEA-estrarano Lee Jungkee kun zambiano

En la kapoj de UEA-estrarano pri Afriko kaj membroj de Afrika Komisiono de UEA daŭre kirliĝas pensoj pri kiel kreskigi la amikecon Afriko - Azio por ke la anoj de ambaŭ kontinentoj povu komunikiĝi por komuna progreso. En tiu kunteksto naskiĝis propono pri interna ĝemeliĝo inter du landoj.

La ideo estas, ke pere de Esperanto unu lando en Azio kunlaboros kun unu en Afriko por reciproka interkompreniĝo. Precize dirite, tiuj ĝemellandoj povos: 1.) interŝanĝi materialojn (organo, libro, informilo), 2.) inviti al sia nacia kongreso, 3.) havi komunan ekspozicion pri artaĵoj aŭ similaĵoj, 4.) teni amikan rilaton kun ambasadejo de la ĝemela lando, 5.) komune kunsidi en Esperanto-evento ktp

Laŭ Lee Jungkee, *"ĝis nun, ĉefe eŭropaj esperantistoj kunlaboris kaj helpis al afrika movado, sed de nun ankaŭ azianoj devas enviciĝi"*. Por sukcesigi la unuan provon, du landoj (konfirmite Koreio kaj Togolando) devas sufiĉe komunikiĝi kaj trovi komunan etoson.

La tuta projekto estas maturiĝanta nun. Ni esperas ke jam baldaŭ eblos lanĉi ĝin oficiale. Se la unua sperto sukcesos, oni daŭre povos fari pli kaj pli novajn ĝemellandojn.

**"Ĉiu el ni devas studi Esperanton kaj disvastigi ĝin laŭ sia eblo, por ke ĝi estu tagon post tago pli vaste konata, por ke ĝi estu akceptita de ĉiuj nacioj kaj registaroj de la mondo, kaj fariĝu parto de la programo en ĉiuj publikaj lernejoj".**

# Esperanto-kurso en Lokossa, Benino




Okazos en Lokossa, Benino, la 18-an de julio, 14-an de aŭgusto kaj la 16-an de septembro lingva kurso por infanoj. Oni antaŭvidas partoprenon de 30 – 50 kursanoj. Tiujn ĉi lerno-kunvenojn aranĝos Afrika Centro Mondcivitana (ACM). Kiel en antaŭaj 10 jaroj, SAT-Amikaro liveris kurso-materialon, kiun ricevis s-ro François Hounsounou, la fondinto de ACM, la 16-an de junio.

ACM estas fondita en 2006 kaj registriĝis laŭleĝe en 2010 kun apero en la oficiala ĵurnalo 2011. Ĝi havas nun 18 membrojn.

**François Hounsounou**

# ************** KONKURSOJ ****************



1- Hans BAKKER

--------------------------

Pri Hans BAKKER aŭdadis multaj personoj. Li mortis la 21-an de januaro 2015. Instituto Zamenhof (IZo) ne ekzistus, se ne estus Hans. Tiel estas ankaŭ por Afrika Kapitalo ĉe UEA por financi Esperanton en Afriko. Hans verkis pri la afrika agado, partoprenis UK-ojn kaj tie havadis budon "AMIK'EN AFRIK". Lin afrikaj esperantistoj nomas "patro".

Tio estas kelkaj vortoj pri Hans BAKKER. Nun estas via vico skribi pri li. Ju pli da informoj NOVAJ pri li, des pli oni havas ŝancon por gajni la konkurson. Vian tekston vi sendu al la jena adreso: Instituto Zamenhof <139izo2004@gmail.com>.

La konkurso daŭros la tutan jaron, kaj fine de ĉiu monato estos almenaŭ unu premio por partoprenantoj. La premioj konsistos el Esperantaĵoj, kaj ankaŭ el iom da mono. Plie la tekstoj ricevitaj eniros apartan libron omaĝe al la karmemora Hans BAKKER. Aldonindas, ke unu persono rajtas konkursi plurfoje. Do, ek al verkado!

**2- Deklamo de poemo de Zamenhof**

--------------------------

Dum la lernado de Esperanto de afrikaj esperantistoj per la kurso FEREZ, studantoj konatiĝis kun la poemo LA VOJO de Zamenhof. Ne nur tiu ĉi poemo estas de Zamenhof. Ekzistas ankaŭ aliaj tre signifoplenaj. Nun TIETo ege interesiĝas ankaŭ pri la jenaj:

- La Espero
- Preĝo sub la verda standardo
- Ho, mia Kor'

La unua parto de la konkurso konsistas el disponigo de la tekstoj de la poemoj al TIETo. Kiuj povos trovi la kvar tekstojn de la poemoj kaj ilin disponigi al TIETo, tiuj ricevos premiojn konsistantajn el Esperantaĵoj kaj eĉ el iom da mono. Tiu ĉi fazo daŭros ĝis decembro 2015. En OVo 77 decembro aperos la premiitoj.

La dua parto de la konkurso okazos dum la 23-a Togolanda Esperanto-Kongreso (TEK). Tiam la konkursantoj deklamos unu el tiuj ĉi poemoj prenita lote. Interesiĝantoj enskribiĝos dum la unua tago de la kongreso.

**El la togolanda listo**







**La 26-an de julio 1887 aperis la Unua Libro**

